


OBSAH — ENHAVO:



1907 ČERVEN, ČERVENEC — JUNIO, JULIO. I. 6., 7.

# PERIODA LITERATURO DE ESPERANTO.

(Klarigaj vortoj al nia ilustrajo.)

Eldonon de unua esperanta gazeto ni ŝuldas al energia laboro de lerta propagandisto Einstein, aŭtoro de germana lernolibro esperanta kaj de bonega broŝuro, per kiuj li sukcesis konverti al nia ideo la tutan volapükistan klubon en Nürnberg. Prezidanto de tiu ĉi societo, Ch. Schmidt, fondis en jaro 1889 la monatan gazeton por amikoj de la lingvo Esperanto, nomitan „La Esperantisto“, kies ĉefa kunlaboranto estis dr. Zamenhof. La gazeto presata en Germanujo kaj direktata dum la lasta tempo de aŭtoro de la lingvo mem, estis redaktata unue en lingvoj germana kaj Esperanto, poste nur en tiu ĉi lasta. Kiam la eminenta verkisto Tolstoj verkis artikolojn en tiu gazeto, la rusa cenzuro malpermesis ĝian eniron en Rusujon (oni scias ja, ke propagandado de novaj ideoj estas en tiu lando tre malhelpata), kaj per tio estis kaŭzita duonjara interrompo en la regula eldonado de „La Esperantisto“, ĉar du trionoj de la legantoj loĝis en Rusujo. Tial ĝi rifuĝis en Svedujon kaj reaperis tie sub nomo „Lingvo Internacia“ en la komenco de jaro 1896.

La ses jarkolektoj de „La Esperantisto“ enhavas majstran studajon pri Volapük komparita kun Esperanto (de dr. Zamenhof), respondojn al la amikoj — klarigojn utilajn al ĉiuj novaj adeptoj, anoncojn pri novaj aliĝoj, beletristikon, gramatikajn feliojn kaj bibliografion. Dum tiuj ĉi unuaj jaroj gajnis Esperanto la plej malnovajn propagandistojn, apostolojn dissemitajn en ĉiuj landoj. Ilia laboro montriĝas en la diversaj naciaj lernolibroj kaj jurnaloj kaj en fondado de novaj centroj esperantistaj. Estus certe superflue paroli ĉi tie pri la grandega signifo de la unua esperanta gazeto kaj pri la evidenta bezono de hodiaŭaj ligiloj internaciaj, kiuj fariĝas ne sole legajo propaganda sed ankaŭ amuza kaj instrua! Se la nombro de gazetoj propagandaj dependas de intereso pri Esperanto ĉe tiu aŭ alia nacio, kreskas la nombro de specialistaj, en Esperanto skribitaj revuoj laŭ absoluta nombro de la Esperantistoj en la tuta mondo. Ni ĝojus vidi, ke ĉiu nacio posedu baldaŭ sian propagandan organon, kiu sola, uzante ankaŭ la nacian lingvon, povas efiki kiel komprenebla perioda propagandilo inter la neesperantistoj.

Ni donas tie ĉi revuon de niaj plej gravaj internaciaj organoj esperantaj: detalajojn pri iliaj redakcioj vidu sur 16-a paĝo de nia gazeto.

„Lingvo Internacia“, centra organo de la „Esperantistoj“, eldonata nun de la „Presa Esperantista Societo“ en Paris, estas nia plej malnova revuo. Antaŭ 12 jaroj ĝi komencis eliradi en

Svedujo, eldonata de Esp. Klubo en Upsala sub redaktado de s-o Paul Nylén: de la jaro 1903 ĝi enhavas literaturan Aldonon (16-paĝan) en kiu eliras interesaj rakontoj originalaj aŭ tradukitaj. La gazeto mem prezentas en ĉiu numero (48 pĝ.) legajon la plej diversan: nelongajn artikolojn amuzajn kaj instruajn, miksajon, la plej novajn raportojn pri nia movado en ĉiuj landoj, bibliografion, revuon de esperantaj revuoj, cirkulerojn, problemojn k. t. p. La gazeto prezentas sufiĉe da materialo por esperantista statistiko, ĉar, notante en ĉiuj ĝis nun aperintaj 162 kajeroj la plej rimarkindajn okazajojn, ĝi fariĝas spegulo de niaj propagandaj laboroj, tre valora por historio de n i a helpa lingvo kaj de arta lingvo entute. El nunjaraj artikoloj ni citas: La insulo Capri (G. Kolowrat), Wagner: Energio kaj Espero (trad. Sam. Meyer), Deveno de Faust (el rusa lingvo tradukis Vs. Lojko), Filemon kaj Baŭcis (trad. Dr. Vallienne), Malnova japana rakonto, La ŝtonoj, kiuj falas el la ĉielo (M. Finot), Korolenko: Akceptita infano (trad. Kabanov). La literatura aldono enhavas belan kolekton da verketoj, el kiuj estas multaj eldonitaj ankaŭ memstare: aldono al unua numero de tiu ĉi jaro enhavis tre amuzan rakonton de A. Kofman, kiu skurĝas per originalaj spritajoj la pasion de kelkaj niaj gazetoj koncerne t r o a n evitadon de religiaj aŭ politikaj artikoloj. N-oj 2—6: Du biletoj. Akvo dormanta.

Komparante hodiaŭ la belvidajn kajerojn kun la modestaj kelkfoliaj kajeretoj eldonitaj antaŭ 12 jaroj sub la sama titolo, ni nepre devas konstati la grandegan diferencon inter la tiama kaj nuna stato de Esperanto. La unuaj eldonajoj, ludintaj rolon de sola perioda gazeto esperanta fariĝis j a m h o d i a ŭ — muzeajo, historia dokumento preskaŭ neaĉetebla, konservata sur honora loko en bibliotekoj de tiuj feliĉuloj, kiuj ĝin posedas.

Ĉion ŝanĝis la tempo kaj la cirkonstancoj: la unua gazeto havas jam kolegojn internaciajn kaj naciajn, ĝia redakcio pligrandiĝis, sed — la lingvo uzata tamen estas ĉiam la sama, netuŝita kaj netuŝebla!

„T r a l a M o n d o", tutmonda ilustrata revuo esperantista. Nia redakcio jus ricevis la 12-an numeron de nia „familia jurnalo", kiun ĝi bonvenas tiom pli plezure, ĉar ĝi anoncas per speciala „Bohema aldono", ke la unua numero de la tria jarkolekto enhavos longan raporton kun ilustrajoj pri la sokol'aj festoj de Praha. T. l. M., finante la duan jaron, gajnis per sia interesa enhavo plej multe da simpatio inter Esperantistoj, ĉar ĝi superas multajn naciajn gazetojn koncerne riĉecon kaj diversecon de la enhavo; ĉiu jarkolekto, enhavanta sur du centoj da paĝoj pli multe ol 300 ilustrajojn, formas allogan volumon, plenan da interesaj novajoj. La redakcio, komunikante kun verkistoj el 30 diversaj landoj,

liveras al sia legantaro ĉiam novajojn: eĉ virinoj kaj infanoj trovas „sian“ paĝon en ĉiu numero.

La nuna jarkolekto enhavas multajn por ni tute novajn sciigojn el Japanujo, Ĥinujo, Ameriko kaj Afriko. La lastan tempon malfermis la redakcio enketon pri edukado: dokumentoj kaj respondoj alvenintaj el 15 diversaj landoj estis riĉa materialo por detala raporto, kiu bone montras la p r a k t i k a n aplikon de Esperanto. Ni altiras ankaŭ atenton al numeroj postkongresaj, kiuj, estante ornamitaj per multaj „esperantistaj fotografaĵoj“, plej ofte estas postulataj.

La revuo publikiĝas detalajn artikolojn pri sporto, teatro, mondaj novajoj, komerco kaj industrio, arto kaj sciencoj, militistaro kaj maristaro, geografio kaj turismo, politiko kaj literatura vivo, modo, k. t. p. Krom supreciitaj artikoloj pri edukado kaj pri la kongresoj ni trovas notindaj ankoraŭ la jenajn: Rembrandt. Vereŝĉagin. Shakespeare. Urbo renaskiĝanta — Rio de Janeiro. Vilaĝana movado en Gurujo. La Rochelle. Tra Mez-Afriko. Oazoj. La „runoj“ kaj runaj rakontoj. Edinburgh. Aix-les-Bains. Kristnasko en Svedujo. K r i s t n a s k o ĉ e l a B o h e m o j. Knabina vivado en Japanujo. Harakiri — karakteriza japana kutimo. La bulgara vilaĝa edziĝo. Tarantelo — napola danco. Glavdanco skotlanda. La morto de la regna Dumo. Islanda parlamento. Telegrafio kaj telefonio senfadenaj. La telefotografio. Transkondukantaj pontoj. Aerveturado. Kreskajoj artefaritaj. Fotografado de la parolo. Internacia kurado de aŭtomobiloj. Ludo de la „Peloto“.

„L a R e v u o“, internacia monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de Dr. L. L. Zamenhof. — Ĝis nun elirintaj dekunu numeroj de tiu ĉi gazeto alportis jam al esperanta afero multon. Specialan rekomendon meritas la Revuo pro artikoloj verkataj de aŭtoro de Esperanto mem, trovatajn en ĉiu numero, ĉar oni povas el tiuj ĉi tekstoj ĉiam ĉerpi bonajn instruojn pri lingvaj demandoj, kiujn ni ŝatas pli multe ol senfinajn gramati ajn diskutojn teoriajn. Kelkaj numeroj enhavas „Respondojn“ de dr. Zamenhof je demandoj adresataj al redakcio, kiuj estas interesaj por ĉiuj legantoj, ĉar ili estas por ni konsiloj la plej sekvindaj.

La redakcio eldonas Bibliotekon sub nomo „Kolekto de la Revuo“, en kiu eliras represajoj de rimarkindaj artikoloj (La Revizoro, La Rabistoj, La Predikanto, tradukitaj de dr. Zamenhof), lernolibroj konformaj al la „Fundamento“ kaj al la konsiloj donitaj en la multvaloraj „Respondoj“ kaj fine pli ampleksaj novaj literaturaj verkoj de niaj plej bonaj aŭtoroj.

Niaj legantoj memoras, ke tiu ĉi revuo ankaŭ malfermis en sia unua numero literaturan konkurson kun premioj po 200, 100 kaj 50 frankoj. Ĝi ricevis 27 manuskriptojn, el kiuj elektis la

jugantaro (S-oj rektoro Boirac, prezidanto de la Lingva Komitato, Dr. Bein (Kabe), la lerta tradukinto de tiom da belaj verkoj kaj D. H. Lambert, tradukanto de Shakespeare) jenajn verkojn: La filino de la feinoj (1-a premio), La kristofiguro en la lumo (2-a), La kristnaska nokto (3-a). La nomoj de aŭtoroj estos konigitaj nur en Cambridge dum la solena disdonado de la premioj: la verkoj estos enpresitaj en septembra numero.

En siaj ĝis nun elirintaj kajeroj enhavas la Revuo kelkajn speciale citindajn artikolojn: La mortigistoj de Stradella (F. de Ménil). Vizito de franca universitata Esperantisto al la britaj Esperantistoj (E. Boirac). Raportoj pri la dua universala kongreso esperantista. Loko de pilgrimo kaj mirakloj en Grekujo (Ch. Lambert). Kastelo de Krakalvento (s-ino Vallienne). Agrara leĝdonado en Nova Zelando (N. Kabanov). Ŝĉedrin-Saltikov: Kristnaska fabelo (el rusa lingvo trad. N. Kabanov). Kelkaj festkutimoj en Belgujo (Dr. R. van Meckebeke). E. A. Poe: Puto kaj pendolo (el angla teksto trad. R. C. Bourcard). Sakuntala kaj hinda teatro (Ch. Lambert). H. G. Wells: La magia butiko (el angla lingvo trad. Raoul Bricard). Machado de Assis: Vivi (el portugala lingvo trad. R. F. Geyer). J. Vazov: En la ĝardeno de la muzoj (el bulgara lingvo trad. G. Atanasov). Th. Strom: Imenlago (el germana lingvo trad. Alfred Bader). Hjalmar Höglund: Antaŭvespero de Valborga nokto (el sveda lingvo trad. Einar Lindkvist). M. Gorkij: La Ventegbirdo. La Falko (el rusa lingvo trad. N. Kabanov). Morto kaj vivo (N. Kolowrat). G. A. Becquer: Kredu al Dio (el hispana lingvo trad. V. Inglada). Faŭsto kaj Grenjo (K. Zacherl). F. Pujula-Valjes: Aŭtunaj Ventoj; La Pipamanto; Senhejmulo: Okaza artisto (teatraj ludoj originalaj). — Bibliografiaj recenzajoj kaj tutmonda kroniko okupas la lastajn foliojn de ĉiu 48-paĝa kajero.

„Internacia Scienca Revuo“, oficiala monata organo de la Int. Scienca Oficejo Esperantista estas eldonata kun alta patronado de: Dr. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto, la franca societo de fiziko, la internacia societo de elektristoj kaj de profesoroj: Adelsköld, membro de la Scienca akademio en Stockholm, Appel, dekano de la scienca fakultato en Paris kaj membro de la Instituto, d'Arsonval, prof. en le „Collège de France“ kaj membro de la Franca Instituto, Baudoin de Courtenay, prof. en Peterburga Universitato kaj membro de scienca akademio en Kraków, † Berthelot, membro de la Franca akademio kaj ĉiama sekretario de la scienca akademio en Paris, L. M. Princo Rolando Bonaparte, Bouchard, prof. en Medicina Fakultato de Paris, membro de la Franca Instituto, Becquerel, membro de la Franca Instituto, † Brouardel membro de la Franca Instituto, honora dekano

de la Medicina Fakultato en Paris, H. Deslandres, astronomiisto, membro de la Franca Instituto, Förster, prof. de Astronomio en la Berlina Universitato, Haller, prof. en Scienca Fakultato de Paris kaj membro de la Franca Instituto, M. Mourlon, direktoro de la Belga geologia Kartoficejo, membro de la Belga Scienca Akademio, H. Poincaré, prof. en la Scienca Fakultato, membro de la Franca Instituto, Ramsay, prof. en la Universitata kolegio, membro de la Londona Reĝa Societo, Generalo Sebert, membro de la Franca Instituto.

Apero de J. S. R. estas tre signifa pruvo de niaj progresoj, ĉar ĝi montras per sia praktika kaj scienca karaktero kaj per la granda merito de sia patronaro, ke Esperanto enpenetris en la vicojn de scienculoj, ke ĝi vivas kaj kreskas. La Revuo (fondita en 1904) estis redaktata plej frue de P. Fruictier en Paris, nun eldonas ĝin la Scienca Oficejo en Genève. Ĝi liveras al scienculoj la bezonatajn specialajn vortojn, modelajn sciencajn tekstojn, tradukojn aŭ analizojn de la plej gravaj kaj interesaj verkoj sciencaj, aperantaj en la mondo.

En siaj 43 ĝis hodiaŭ eldonitaj numeroj enhavas la Revuo tiom da materialo, ke eĉ kelkpaĝa raporto pri ĝiaj artikoloj ne sufiĉus, por ke la legantoj povu fari al si proksimuman juĝon pri tiu ĉi multsignifa eldonaĵo.

Speciale rimarkindaj originalaj artikoloj estas la jenaj: (I.) La fotografa rivelado. Projekto de kemia nomaro esperanta. Nuna stato de l'aviado. Densigo kaj heligo de la negativaj kliŝoj fotografaj. Estonto de la lumigo elektra. Fotografado kun koloroj. Legebleco de la literoj. Universala desegnilo. La konsisto de fotografarto. Pri la teorio de l'jonoj. La Belga Geologia Oficejo. Pri la problemo de helpa lingvo. Stereoskopio sen stereoskopo. Ordo de la sunaj kaj lunaj mallumiĝoj. (II.) Nova elementa geometrio. La timo al la morto. Spiritismo antaŭ Scienco. Pri centra Afriko. La metaligitaj monumentoj en Franca Britujo. Pri la patologia heredeco. La purigado de l'greno. Pri la epidemia meningo-encefalito. Skizoj de Baku. Antiseptiko fizika. Internajaj translokiĝoj. La pramboategoj. Pri la kuracado per varmo (Komunikajo farita en Esperanto ĉe la Unua Internacia Kongreso de Fizioterapio en Liège 1905 de Dr. E. Krikortz). Matematika terminaro kaj krestomatio. Pri unu provo de marista terminaro. (III.) Lasta parolado pri Esperanto. La eltrovo de elektro-dinamo de Gramme. Kantado kaj tuberklozo. Pri la homa radiado. Antaŭhistoria gramatikisto. Pri la evakuado de rusaj malsanuloj en la lasta milito. Notoj pri dezerto. Pri la klostrofobio. La oficiala observado de vaporaparatoj lokitaj sur vaporŝipoj en Franclando. La Kalendaro. La subteraj rifuĝejoj de Naours. Agronomia profitkalkulado. Notoj

pri la humerano. Skribmaŝino. Ĉu Esperanto estas romana? Deveno kaj evolucio de universo. La heredeco de la akiritaj signoj. La ĥina manĝo. Publikaj lernejoj en Manitoba. (IV.) Diversa deveno de la tertremo. Pri surfacoj duonradaj, konusfokusaj. Pri la uzebleco de la fortoj de l' homo. Evolucio de la religia ideo. Bibliografio internacia. Universala kalendaro. Projekto pri internacia monsistemo. Laciĝo en la marŝado. Deveno de degenerantaj familioj. Pri la konsisto de la atomo kaj la leĝo de Coulomb.

Krom tiuj ĉi studajoj alportas la Revuo multajn malpli longajn notojn originalajn kaj tradukitajn el scienca literaturo de ĉiuj lingvoj. Ni opinias, ke niaj legantoj vidas klare taŭ citata titolaro la ĉiuflankan uzebleeon de Esperanto.

Raportinte pli detale pri la kvar plej gravaj revuoj, kiujn ni kuraĝas nomi „reprezentantoj de perioda literaturo esperanta“ ni ne povas mutiĝi, pensante pri la ceteraj gazetoj servantaj por celoj specialaj (Juna Esperantisto, Foto-Revuo, Espero Katolika, Espero Pacifista, Int. Socia Revuo, Esp. Ligilo por blinduloj, Juna Esperantisto, Esperanto-organo de esp. konsuloj) kaj por la nacia propagando. Pri tiuj ĉi ni parolos en iu el niaj venontaj numeroj, malfermonte por ĉiuj pli gravaj, aperontaj artikoloj rubrikon Revuo de Revuoj.

## BOHEMA UNIO ESPERANTISTA.

Laboro, komencita antaŭ kelkaj semajnoj kaj subtenata de ĉiuj bohemaj societoj esperantistaj, ekmontras jam pozitivan rezultaton: laŭ leteroj ricevitaj kaj laŭ decidoj de prepara kunveno de bohemaj Esperantistoj (en Praha 30. VI.) ni vidas, ke la proponita Unio nepre efektiviĝos. Fundamento por plua laboro estas certe la decido de societoj reprezentotaj, kiu estis difinita kaj pri kiu oni laboris en la suprenomita prepara kunveno:

1. Membro de B. U. E. povas fariĝi sole klubo (societo) de bohemaj Esperantistoj.

2. Ĉiu reprezentata klubo nomu delegiton (aŭ delegitojn); komitato estu nemultenombra.

3. Estu organizitaj (ĉiujaraj) bohemaj kongresoj.

4. Elspezoj de B. U. E. estu kompensataj unuavice per negrandaj kotizajoj, kiujn la kluboj pagos por ĉiu sia membro.

5. Ĉiuj kluboj estu reciproke nedependaj.

Tio ĉi komprenebl ne difinas ankoraŭ la l a b o r o n de la Unio, sed ĝi montras la principojn, per kiuj devas direktiĝi la elektita trimembra komitato, laboranta pri la regularo prezentota al ĝenerala fondanta kunveno. Por ke ĉiuj bohemaj societoj esp., nun ekzistantaj, povu direkte rilati kun tiu ĉi prepara komitato.

estas konsilinde, ke ĉiu el ili elektu plej baldaŭ sian reprezentanton, al kiu estus ĉiuj sciigoj sendataj. (La personoj, nun elektataj, ne estas nomataj definitivaj komitatanoj aŭ definitivaj reprezentantoj).

La nomitaj decidoj de bohemaj societoj esperantistaj direktos same ankaŭ ilian oficialan organon: „Časopis Českých Esperantistů“; pro tiu kaŭzo ni ne enmetos proponojn, kies akcepto kondiĉas forigon de iu el nomitaj kvin fundamentaj decidoj. Ni ne publikigos plu leterojn alsenditajn de s-oj: B. P. Bšk. kaj S. K.; ili ne povas esti ĉi tie diskutataj, ĉar ili traktas per samaj vortoj pri unu komuna temo, malkonforma al la decidoj de societoj, kiuj ĝin por ĉiam malaprobis.

En la prepara kaj ankaŭ en la privataj kunvenoj oni traktis pri laboroj de la Unio. Unuvoĉe estis akceptita propono donita de *-ld.* kiu koncernas starigon de rondiranta dokumentaro (vidu Ĉ. Ĉ. E. n-on 5.). Nia redakcio, trovante la efektivigon de tiu ĉi propono grava por la propagando, preparas jam nun tian dokumentaron, kiun oni povos prunte ricevi tuj post la libertempo. Kiam ekfunkcios komitato de la Unio, ni transdonos je ĝia zorgo la kolektitan materialon, kiu estos dume farinta grandan servon.

Kelkaj malnovaj samideanoj kaj propagandistoj rekomendis, ke Unio eldonadu malkarajn bohemajn propagandilojn, kiuj povus esti eĉ senpage disdonataj al partoprenantoj de paroladoj pri Esperanto, al vizitantoj de esp. ekspozicioj k. t. p. Unu tia presaĵo povus esti ankaŭ donata senpage al ĉiuj membroj de esp. societoj bohemaj, ĉar plimulto da ili ne abonas kaj ne volas aboni iun ajn gazeton esperantan. Per la senpaga bohema folio, elironta ekzemple dufoje ĉiujare, estus instruataj pri la lastaj sukcesoj de Esperanto ankaŭ tiuj membroj, kiuj legas nur tre malmulte (aŭ neniom) en niaj hodiaŭaj revuoj.

Redakcio de Ĉ. Ĉ. E. ankaŭ ĉi tie volas helpi laŭ sia povo; ni scias plej bone, ke estas neeble trudi al membroj de iu societo esperantista devigan abonadon al iu nia jurnalo (precipe, se la ricevado de nedezirata kaj nelegata gazeto estas akompanata de pliialtigo de membra kotizaĵo!). Sed por tamen doni al tiuj ĉi membroj eblon informiĝi pri la stato de Esperanto, ni presigos specialan „Aldonon“ al nia gazeto, kiun ni sendos senpage al ĉiuj bohemaj societoj kun rekomendo, ke ili disdonu ĝin ankaŭ senpage al ĉiuj siaj membroj. Tial ni decidis malfermi la literaturan konkurson, kiu devas alporti al bohema esperantistaro la plej novan presaĵon propagandan kaj informantan. Ankaŭ tiun ĉi laboron ni kondukos ĝis tempo, kiam la Unio estos fondita; tiam ni donos la Aldonon je ĝia dispono, sed ankaŭ kun rekomendo, ke ĝi restu senpaga propagandilo enhavanta nur la plej novajn scii-

gojn pri la tutmonda movado esperantista. Per tiu ago, ni opinias, ni kontentigos ankaŭ s-on *J.*, kiu deziras, ke ĉiu membro de reprezentata klubo kaj ankaŭ ĉiu bohema esperantisto povu posedi la plej malkaran propagandan folion.

*J. F. K.*, kiu juĝas la fondon de Unio tre grava, rekomendas, ke oni ne altigu pro elspezoj de Unio la jaran membran kotizajon. Li atentigas pri la unuiĝo de instruistoj: en ĉiuj grupoj estas pagata la sama kotizajo, el kiu sendas la grupoj po sumoj, proporciaj al nombro de siaj membroj, en kason de sia Asocio. Li tute prave proponas similan solvon de financa demando de la Unio. La grupoj de „Esperantista Klubo en Praha" fariĝos memstaraj kluboj kaj estos helpata fondado de novaj kluboj. Ĉiu klubo sendos por ĉiu sia membro 50 hel. al kasisto de Unio. Se la afero estos tiel aranĝita, estos garantiita la enspezo de Unio.

*J. J.*: Por uzi Esperanton en vivo praktika, estas bone, ke estu nomita en ĉiu pli vigla industria urbo reprezentanto, kiu sciigus la komitaton de Unio pri loka movado, kaj kiu estus samtempe konsulo esperanta.

*M. V.*: Mi supozas, ke ĉiuj bohemaj societoj esperantistaj nepre partoprenos en la Unio, kiu ne fariĝos nova societo de izolitaj samideanoj, konkuranta kun la kluboj mem, sed unuiĝo pli grava kaj pli alta, unuiĝo de kluboj. Por direktado de la Unio oni elektu trimembran komitaton (prezidanton, sekretarion, kasiston), kiu estus helpata de delegitaro: ĉiu klubo elektu du membrojn (almenaŭ unu el ili estu komitatano), kiuj voĉdonus en ĝia nomo. Oni vidas, ke ĉiuj kluboj, havante la saman nombron da voĉoj, havas ankaŭ la saman rajton. Plej gravaj demandoj povas esti diskutataj letere aŭ en specialaj kunvenoj de ĉi tiuj delegitoj kun la trimembra komitato; ĝenerala kunveno, kiun povos partopreni (sed ne voĉdoni) ankaŭ ĉiuj bohemaj kaj fremdaj Esperantistoj, okazos unufoje ĉiujare ĉiam en urbo elektita la jaron pasintan. Estus tre konvene, ke la kunvenoj (kongresoj) okazu ĉiam en alia urbo bohema, ĉar la intereso pri Esperanto estos per ili ĉie vekita. Membroj de la komitato estu elektataj, same kiel delegitoj, por unu jaro. Sekve la klubo en Praha nomos siajn grupojn memstaraj (ili fariĝos kluboj) kaj ĉiuj tiuj ĉi kluboj, havontaj laŭ eble eco similan regularon, helpu mem subteni fondadon de siaj grupoj (neoficiale), kiuj, atingonte sufiĉe da membroj, fariĝos memstaraj kluboj — enskribitaj en la Unio. Kompreneble, ĉie povas fondiĝi ankaŭ klubo tuj memstara, nedependa pli frue de alia, malnova klubo, kaj tiu ankaŭ povas direkte aliĝi al Unio. Fondadon de grupoj oni ne konsideru plu kiel entreprenon anoncotan al ŝtataj oficoj, sed sole kiel laboron propagandan, kiel helpon al starigo de memstara, enregistrota klubo. Por kovri elspezojn

de Unio, sendu ĉiu klubo al ĝia kasisto 10 aŭ 15% de ĉiu membra kotizajo. Tiun ĉi solvon mi rekomendas precipe en okazo, se ne ĉiuj kluboj havos la saman kotizajon membran.

—*Id*: Laŭ promeso en mia unua letero mi daŭrigas sendadi proponojn, kiuj koncernas la agadon de Unio: Estos bezone, pli aŭ malpli frue, aranĝi ekspozicion esperantan. Ĝi okazos eble en Praha aŭ en alia urbo, ĝi estos memstara aŭ sekcio de alia, pli granda; en ĉiu okazo ĝi estos tre grava por nia afero. Tiun okazon ne devos preteratenti bohemaj kluboj esperantistaj, sed helpi la laboron de organizonto, de Unio. — Plua notinda tasko estas la jena: Unio klopodu pri tio, ke membroj en ĝi reprezentataj kaj iliaj gastoj povu ricevi rabaton je prezo de enirbiletoj ĉe diversaj okazoj (ekz. vizito de muzeoj, historiaj lokoj, rigardejoj k. t. p.) kaj ĝi kolektu prezarojn de hoteloj en niaj diversaj urboj. Ambaŭ laboroj estus tre ŝatataj de fremdlandaj samideanoj, kiuj vizitos nian landon, precipe dum kongreso!

Fine mi rekomendas, ke ĝi fondu por siaj membroj centran abonejon kaj mendejon de esperantaj gazetoj kaj libroj, per kio ĉiuj membroj povos ŝpari rimarkindan sumon, ĉar oni povas postuli de eldonantoj ordinaran rabaton. Tiun ĉi proponon mi plej varme rekomendas.

---

Příznivý výsledek práce, započaté před několika týdny a podporované všemi českými kluby esperantskými, jeví se již v dopisech, které nás došly, jakož i v rozhodnutí přípravné schůzky, pořádané v Praze dne 30. června t. r.: vidíme, že návrh na ustavení „Unie“ došel nejlepšího pochopení a souhlasu. Základem další práce jest zajisté rozhodnutí zastupovaných spolků, vyslovené ve schůzi výše zmíněné: 1. členem „Unie“ může se státi pouze klub (spolek) českých Esperantistů. 2. Každý zastupovaný klub jmenuje delegáta (nebo delegáty); výbor budiž maločlenný. 3. Buďtež pořádány (každoroční) české kongresy. 4. Výlohy „Unie“ budou se hraditi v první řadě malými příspěvky, které kluby zaplatí za každého člena. 5. Všechny kluby buďtež navzájem nezávislými.

Tím není ovšem stanovena práce Unie, ale naznačeny jsou zásady, dle nichž říditi se bude zvolený tříčlenný přípravný výbor, který podá ustavující valné hromadě stanovy ku schválení. Jest záhodno, aby každý dnes stávající český spolek esp. zvolil svého zástupce, s nímž by tento výbor navázal přímé styky. (Žádní ze jmenovaných nejsou dosud definitivními členy výboru nebo definitivními zástupci.)

Uvedeným rozhodnutím českých spolků esperantských řídí se též jejich oficielní orgán, „Č. Č. E.“; z toho důvodu neuveřej-

nime návrhů, jichž uskutečnění by podmiňovalo odstranění některé ze jmenovaných zásad.

Návrhy. — *Id.*: Péčí Unie budiž zasílána okružní výstavka časopisů, ceníků, brošur, letáků, dokladů z našich kongresů a pod. ku přednáškám o Esperantu. Rovněž nechť uvažuje výbor Unie o pořádání výstavy esperantské, o získání slevy na vstupném do různých musei a pod. pro své členy a jich hosty, o sestavení ceníku našich hotelů a o způsobu hromadného předplácení časopisů a objednávání knih esperantských.

Doporučeno dále, aby Unie vydávala alespoň jednou až dvakrát za rok informační tiskopis o Esperantu, který by se mohl případně zdarma všem členům klubů a interessentům v zájmu propagandy rozdávati.

*J. F. K.* upozorňuje, že nemá býti v žádném případě zvyšován členský příspěvek ve klubech již stávajících. Výlohy Unie buďtež kryty pravidelným poplatkem (50 hal za každého člena), který kluby budou odváděti.

*J. J.*: Aby užito bylo Esperanta v životě praktickém, nechť zakládá Unie konsuláty esperantské ve všech živějších městech českých.

*M. V.*: Předpokládaje, že Unie soustředí v sobě všechny české kluby esperantské, navrhuji, aby všem dostalo se stejných práv, t. j. vedle tříčlenného výboru nechť zasedá a o nejdůležitějších otázkách rozhoduje výbor skládající se z delegátů jednotlivých klubů. Každý klub volí 2 delegáty. Valné hromady, pořádané jednou za rok, mají se konati dle možnosti pokaždé v jiném městě. Súčastniti se mohou všichni domácí i cizí Esperantisté (bez práva hlasovacího). Členové výboru i delegáti jsou voleni na rok. Odbory Klubu Esp. v Praze buďtež jmenovány samostatnými kluby, které budou též pomáhati při zakládání odborů, případně klubů. Pouze stanovy klubů byly by úřadům podávány ku schválení. Výlohy Unie buďtež kryty 10—15% obnosem ze členských příspěvků; takto poměr poplatků odváděných Unii zůstane stejný i v případě, když členský příspěvek klubů bude různý.

Redakce našeho časopisu, uznávajíc okamžité provedení některých z těchto návrhů za prospěšné, rozhodla se založiti okružní výstavku (viz č. 5.) a zasílati ji již po prázdninách našim přátelům, kteří o ni požádají. Také propagační tiskopis, informující o nejnovějších pokrocích Esperanta vyjde současně s příštím číslem Č. C. E. (viz str. 112.). Oba tyto podniky předáme výboru Unie k dalšímu spravování ihned po jeho ustavení. Do té doby buďtež veškeré dotazy řízeny na naši adresu.

*Dr. J. L. Hrdina.*

# „POSTE SEKVIS LA TOASTOJ“.

Tiel sana homo kaj antaŭ nelonge, kiam mi renkontis lin, apenaŭ mi povis lin rekoni. Liaj oreloj dekliniĝis de kapo kvazaŭ semaforoj, liajn okulojn ornamis malhelaj rondoj, super bluaj lipoj sin streĉis lipharoj laŭ ĉiuj direktoj. Kaj li estis butonumita en sia vintra surtuto ĝis la kolo kaj la kolumon li havis malfaldita ĝis oreloj.

„Hometo, vi ŝajnas esti malsana!“

„Jes, mi estas.“

„Kio mankas al vi?“

Li ne dormas, li ne povas fumi, li manĝas nenion, la homojn li ne toleras rigardi, la irado lin laciĝas, elektra tramvojo lin ekscitas kaj li ŝatus plej multe ĉion disbati.

„Ĉu vi jam longe malsanas?“

De la lasta manĝado, kiu estis aranĝita je festo de kvinjara ekzistado de societo por kolektado de cigaredaj tubetoj

„Verŝajne vi multe fumis?“

„Ne“ — li diras — „nur du cigarojn.“ Alian fojon li fumas ses ĉiuvespere.

„Aŭ vi manĝis eble ion senguste, ĝi estis eble rostita en malbona sebo kaj nun vi suferos flavmalsanon.“

Ne tiel. La manĝajoj estis bongustaj, jubileaj. Biero de Plzeň — bonega, la kvalito de vinoj estis garantiita

„Kaj koncerne la toastojn? — oni eble ankaŭ toastis tie.“

Li svingis la manon. Oni aŭdis ja toastojn, multe da toastoj.

„Nu tiam estas klare al ni, tiam ni konas la radikon de la malsano „Babilemo turmentiga.“ La malsano estas sufiĉe danĝera, ĉar ĝi estas longedaŭra. Atentu pri vi!“

Mi ne scias, ĉu mi sonĝis pri tio aŭ ĉu mi aŭdis pri tio efektive, ke estas fondota aŭ fondita societo kontraŭ turmentado de homoj per toastoj. Tio estus pli granda bonfaro por la homaro ol ia vere praktika ŝirmilo tramveturila.

Ĉu vi vidis antaŭ momento la homon, kun kiu mi jus parolis? Li estas mia bona amiko. Kaj ĉu vi rimarkis, kian mienon li havas? Jen oferajo de toastoj!“

Multaj posedas la mirindan econ, ke ili ne povas formanĝi por 8 spesdekoj da salamo ne ripetante trifoje rolon de oratoro. Kaj antaŭ eltrinko de glaso da biero ili prezentas minimume du toastojn. Almenaŭ je tiu, kiu brasis la bieron aŭ kiu fandis la glason.

Kaj tiaj toastistoj estas ĉiam timigilo de ĉiuj bonaj homoj, kiuj ŝatas la manĝon, trinkon kaj kanton, kaj kiuj ekdormas eĉ nur matene. Antaŭ nelonge mi malpaciĝis kun kelkaj bonaj amikoj. Mi bedaŭras tion, sed mi ne trovis helpon. Ili aranĝis festenan

manĝadon, ili promesis la plej frandan programon de la menuo, la plej bonajn frandaĵojn, ili promesis al mi lokon inter du belaj sinjorinoj, sed, ĉar ili ne povis garantii, ke oni ne parolos toaste kaj ke oni prizorgis, ke la societo ne estu infektita per epidemio de „babilemo turmentiga" aŭ „komuna" — mi rifuzis partopreni. Prezentu al vi la situacion. Iu invitas vin al manĝado kaj apenaŭ vi iom eksatiĝis, li diras mallaŭte, ke vi pruntedonu al li 4 Sm. ĝis morgaŭ. Vi perdas apetiton kaj observas atente, kie pendas viaj surtuto kaj ĉapelo. Kaj oni invitas vin al manĝado, kaj apenaŭ pasis preter vi tri aŭ kvar manĝaĵoj, frapas iu per tranĉilo aŭ ŝlosilo la glason, reordigas la kravaton, butonumas la frakon, leviĝas, komplimentas — — — — — —

Kaj la ĝuo, kiun alportis al vi speciale elektitaj manĝaĵoj, la bonegaj trinkaĵoj kaj sincera amuzo de viaj plej proksimaj najbaroj (vi partoprenas tamen la festenon) — la ĝuo estas tute detruita, ruinigita, apenaŭ vi ekvidas tian babilulon, kiu ne povas esti sufiĉe kuraĝa por restigi sian buŝon fermita — silenta.

Kiam vi manĝis kaj trinkis kaj amuzis vin, li purigis siajn ungojn kaj kaŝe konceptis sur peceto da papero tion, per kio li estas forprenonta vian apetiton kaj volon resti daŭre.

„Estimataj s i n j o r i n o j kaj ĉarmaj s i n j o r o j! Hodiaŭa tago — por tiel diri — mi opinias ja, ke nia sinjoro jubileulo kaj gastiganto min senkulpigos — kiel mi diris jam en antaŭo — vi scias, sinjoroj kaj sinjorinoj, ke hodiaŭa tago — unuvorte, mi levas la pokalon — —"

„Vivu! Vivu!"

Tiel ordinare oni helpas la babilulon, kiam li ekbalbutas, oni ekkrias gloron, la glasoj tintas, la vino kaj la biero estas ŝprueverŝataj en manikojn de niaj kontraŭsidantoj, la oratoron oni gratulas, kaj —.

„Kiel vi fartas, amiko?"

Tiel ĝi pasas en la mondo. Jen oni prezentas al vi plej diversajn rostaĵojn kaj frandaĵojn, senĉese oni plenverŝas vian glason, de ĉiuj flankoj nur kaj nur ĝentilaĵoj kaj subite, por kronigi sian verkon, ili lasas ataki vin per toastisto.

Ho, kiaj toastoj ofte aperas! Al vi ekkreskas novaj dentoj, ĉiuj samtempe. En viaj internaĵoj kvazaŭ erinacoj ludus „football", en kapo ĝi zumas kvazaŭ post Silvestra nokto, kaj la sentaŭgulo staras proksime de vi, kaj gestante, babilas ion, kion oni nomas toasto.

En publikaj festenoj estas la toastoj cenzurataj.

En privataj societoj kaj dum familiaj manĝadoj la cenzuro ne trovas laboron, tial oni povas diri ĉi tie la plej grandajn sensencaĵojn, eldireblajn per buŝo de toastisto.

Vi devas aplaudi la „oratoron“, gratuli, toasti, aldoni, ke vi devas raporti pri motivoj de lia toasto al via jurnalo. — kvankam, se ne estus tie ĉi tiom da lumo kaj tiom da homoj, vi plezure donus al li kelke da vangfrapoj, kaj dejetus lin de ŝtuparo.

„Mi petas, estimataj sinjoroj!“

„Ho, mia Dio, nova toasto.“

Kaj nun najbaro de jus parolinta oratoro leviĝis, kaj butonumas la frakon. La toastoj estas infektaj. — Fine, se vi mem ne avizus vian toaston, naskiĝus pri vi opinio, ke vi estas malsaĝulo, ke vi eĉ ne scias eldiri toaston. Manĝi, trinki, fumadi bonajn cigarojn, amuzi vin, tion vi scias, sed malbonigi por longa tempo ies stomakon tion vi ne scias.

„Tre estimatoj sinjoroj!“

Nun vi povas jam ekĝemi tute laŭte. Sed ĝi ankaŭ neniom vin helpos. Pensu kion vi volas, mordu la lipojn, ludu per via poŝhorloĝo — oni parolas toaston, vi devas ĝin bonvole auskulti. Feliĉa estas, kiu sidas proksime de pordo. Apenaŭ li vidas, ke oni tuj estas toastontaj, li malaperas post la pordon. Kaj poste li elturniĝos, ke li faras tiel pro ĝentileco kontraŭ toastantoj, — ke neniu povu per sia eniro ĝeni. Kaj kiam li aŭdas, ke estas en salono aŭ ĉambrego brue — jen signo, ke la nova toasto feliĉe naskiĝis — li reokupas sian lokon.

„Karaj amikoj kaj sinjoroj! Hodiaŭ pasas precize la kvina jaro, kiam — — — — —

„Ho, ĉio devus havi sian mezuron!“

„Silenton!“

Same, kvazaŭ vi laŭdus, ke tiel bonegan saŭcon, kiun vi havas sur la telero, vi neniam ankoraŭ gustumis kaj oni jetus en ĝin majskarabon. Neniu tamen kuraĝus malbonigi tiel vian apetiton, tio certe ne forpasus senpune. Kaj kiom da tiaj trudemaj, arogantaj majskaraboj zumas ĉirkaŭ viaj oreloj dum la manĝado.

En formo de toastoj ĉiu havis la rajton vin turmentadi kaj turmenti senpune. Ĝi estas krimo inda je arestejo, sed ekzistas neniu paragrafo kontraŭ ĝi. Kaj kiel vi fartas dum ĉiu toasto. Same, kvazaŭ la gastigantino invitus vin manĝi, dirante: „Prenu sinjoroj, sed atentu, estas tie peceto da vitro.“

En pli nova tempo, kiam la malbono disvastiĝis kiel ratoj, kiam estis eldirita toasto jam antaŭ la supmanĝado, kaj post ĉiu almanĝado po kvin paroladoj, ekmontriĝas reakcio kontraŭ la toastoj. Precipe la rangoj kuiristaj protestas. Kiom helpas la kuirista arto de ĉarma gastigantino, kiom valoras la zorgemo de estimata gastiganto, ke estu senĉese riĉnombraj trinkajoj disponeblaj, se vi aŭdas post la festeno plendon:

„Mia edzo partoprenis festenon, kaj de tiu tempo li fartas malbonege."

„Verŝajne li manĝis ion malbonan," ekfilozofias tuj ĉiu.

„Ho ne, la manĝajoj estis delikataj — sed la paroloj — mia kara, la paroladoj. Li ekpreĝis jam sanktan Sebastianon, por ke li forgesu — ĝi pleniĝas lian kapon senĉese — precipe la stomakon."

La oratoroj kaj toastistoj ne estas facile forpelehlaj. La toastarto alkreskis per fortaj radikoj.

Tial, apenaŭ tia nesilentigebla toastisto komencas streĉi la veŝton, lipharojn, apenaŭ li leviĝas — — — — —

„Vivu! Bravisime!" — tiel longe deziri al li vivon, ke li ne povu ekparoli. Vi sufiĉe kriadas, vi gajnas apetiton, sed post liaj vortoj estus bezona kulero da rebarbo.

„Vi estas ja tiel amata oratoro" oni flatis min, „ĉu ne vere, vi certe partoprenos nian festenan manĝadon." Mi promesis kondiĉe, ke mi eldiros la unuan toaston. Oni konsentis.

Nur kiam ĉiuj bone satiĝis, mi leviĝis, butonumis la frakon, streĉis la lipharojn per fingroj —

„Estimataj proksimuloj! — Mi proponas, ĉar la manĝajoj estis bonege preparitaj, ke neniu toasto estu tie ĉi permesita."

Ĉiuj ĉirkaŭprenis min tiel, ke ili disprenis vitron de mia poŝhorloĝo.

Kun permeso de aŭtoro tradukis *P. N. v P.*

# 20-a JUBILEO DE ESPERANTO. (1887—1907).

Jubileo de Esperanto, tiel grava etapo en ĝia historio, ne povas esti pli bone solenigita en nia modesta gazeto ol per publikigo de kelkaj historiaj datoj, kolektitaj el malnovaj esperantaj revuoj, precipe el L'Espérantiste, kie komencis skribi en jaro 1903 „Historion de Esperanto" L. de Beaufront, unu el unuaj batalantoj por nia ideo kaj ĉerpitaj el lasta numero de „Esperanto".

Se oni volas koni ideojn, per kiuj estis doktoro L. L. Zamenhof inspirata dum kreado de sia genia verko, oni devas legi lian admirindan Leteron pri deveno de Esperanto, en kiu li mem ilin elmontras. Tiu ĉi unua periodo de Esperanto alportis al la mondo genie ellaboritan proponon, kiu aperis en perfekta formo publike la 21-an de julio 1877: post longaj kaj multaj klopodoj, kiam la aŭtoro vane serĉis eldonanton, li prosperis mem eldoni sian broŝuron, kiu, permesita de rusa cenzuro, eliris sub la titolo: D-ro Esperanto. Lingvo Internacia. Antaŭparolo kaj plena lernolibro. Ĝi aperis en tempo, kiam oni parolis en la mondo sole pri Volapük, kiu atingis en tiama tempo grandan famon sed post la

jaro 1889 rapidege malsukcesis pro sia malperfekteco. Tuj post naskiĝo de Esperanto kelkaj Volapükistoj konvinkiĝis pri evidenta supereco de tiu ĉi nova lingvo, transiris al ĝi kaj laboris sindone por ĝia disvastiĝo. De ĉiuj flankoj venis al dr. Zamenhof petoj, ke li publikigu almenaŭ unu verkon skribitan en tiu lingvo, por ke oni povu ĝin juĝi pli funde, ol tion ebligas la teoria broŝureto. Kvankam li firme intencis neuion en sia lingvo publikigi antaŭ finiĝo de la jaro, tamen li cedis kaj eldonis la Duan libron de l'lingvo internacia, kiu enhavis interalie tradukon de la fabelo de Andersen „La Ombro".

Sed okazis, ke, precipe pro la senkreditigo alportita al la ideo per la malsukceso de Volapük, la maso montris sin ankoraŭ pli indiferenta ol timis la doktoro; tamen granda nombro da personoj aliĝis al la movado. Oni ne devas preteratenti la kritikistojn, kiuj preskaŭ senescepte okupis vidpunkton malfavoran. Multaj kritikis la verkon eĉ ne leginte ĝin, aliaj parolis pri aŭtoro anstataŭ paroli pri la verko, unuj rezonadis senfine kaj verkis instruitajn artikolojn, ne volante malfermi okulojn antaŭ provoj praktikaj, aliaj preferis proponi al siaj legantoj la plej malsaĝajn ŝercojn, kiujn multaj legantoj, ne havantaj propran juĝon, akceptis kiel kritikon.

En tiu tempo la Amerika Filozofia Societo elektis komitaton, kiu devis respondi la demandojn: Ĉu lingvo internacia estas necesa, ĉu ĝi estas kreebla kaj kiel tiu ĉi lingvo devas esti farita. Decido de la komitato, ne direktita per laboro de doktoro, respondis la principojn sur kiuj estis Esperanto elkonstruita. Tial la komitato, ricevinte la suprenomitan broŝuron en la fino de siaj laboroj, trovis, ke Esperanto estas sufiĉe proksima de la idealo, kiun ĝi estis teorie fiksinta. Dr. Zamenhof fordonis poste sian verkon al tiu ĉi societo kun espero, ke multaj aliaj instruitaj societoj estos pri Esperanto atentigotaj kaj interesataj. Li eĉ proponis fondi Ligon por la propagando, kiu tamen pro nesufiĉa intereso kaj nebona organizado liveris neniam ŝatindan rezultaton; kontraŭe ĝi elvokis bedaŭrindajn interdisputojn koncerne demandojn pri reformoj, kiuj ne ĉesis, ĉar, laŭ dr. Zamenhof, la lingvo devis resti en provado dum kvin jaroj. Post tiu tempo li decidis ekprovi fondon de Ligo sur alia fundamento: ĝi konsistis simple el abonintoj al la centra gazeto „La Esperantisto", fondita en jaro 1889.

La Ligo celis reformadi kaj propagandi Esperanton. Kelkaj fervoraj Esperantistoj tiam batalis kontraŭ ĝi kaj ĝia reformemo, nome s-o de Beaufront. Por ĉesigi tiajn disputojn, dr. Zamenhof proponis, ke la Esperantistaro (t. e. abonantoj de la gazeto) voĉdonu definitive pri tio. Per 157 voĉoj kontraŭ 107 (dividitaj en

tri malsamaj partioj) ĝi decidis ke „oni devas restigi senŝanĝe la ĝistiaman formon de la lingvo (novembro 1894). La disputado estis finita kaj oni povis pensi pri la propagando kaj pozitiva laboro. En jaro 1895 malpermesis la rusa cenzuro la eniron de „La Esperantisto“ en Rusujon. La jurnalo do malaperis kaj kune kun ĝi la lastaj elementoj de la Ligo. La situacio estis malfacila; oni povis timi, ke la nemultenombraj Esperantistoj disiĝos, neligitaj plu per centra organo, kaj ke la afero pereos. Feliĉe estis la gazeto anstataŭita de „Lingvo Internacia“, eldonita de klubo en Upsala, kaj la afero iom post iom restariĝis. En jaro 1896 Esperanto trovis bonan teron en Francujo. S-oj G. Moch, H. Bel, R. Lemaire, kapitano Ch. Lemaire, Roux k. t. p. estis la unuaj pioniroj en Francujo kaj Belgujo.

Fine en jaro 1898 fondiĝas la Societo por la propagando de Esperanto (kiu unuiĝas hodiaŭ preskaŭ ĉiujn francajn grupojn) Sed tiu ĉi ne estas la unua propaganda societo, ĉar jam en jaro 1894 ekzistis „Espero“ en Peterburg kaj izolaj grupetoj en Francujo, Svedujo kaj Belgujo; tamen ĝi instigis pli malfrue gravan kaj fortikan movadon en ĉiuj landoj. Samtempe fondas s-o de Beaufront la gazeton „L'Espérantiste“ kaj publikigas lernolibrojn kaj utilajn propagandilojn. La helpoj alvenas: Sinjoro Ernest Naville prezentas Esperanton al la Franca Akademio de sciencoj moralaj kaj politikaj, paroladoj okazas en kelkaj urboj kaj la gazetaro fariĝas iom pli favora; antaŭ sep jaroj estis fondita la grupo en Paris kaj en Dijon, kie s-o Méray sukcesis altiri al Esperanto multajn scienculojn, inter aliaj s-on C. Bourlet. De nun la movado fariĝas grava. La librejo Hachette en Paris prenas sur sin presadon de lernolibroj kaj verkoj esperantaj, fondiĝas „Presa Esperantista Societo“ eldonanta la gazeton „Lingvo Internacia“, novaj jurnaloj aperas en ĉiuj partoj de mondo. Preskaŭ ĉiuj landoj unu post la alia estas atakitaj de la movado kaj la faktoj estas tro proksimaj al ni, ke ni povu raporti detale pri ili. Ni citu nur la unuan iom pli grandan kunvenon de Esperantistoj en Calais-Dover (1904), kie oni precipe decidis la unuan universalan kongreson de Boulogne sur Mer. Tiu ĉi unua kongreso (1905) alportis al ni la netuŝeblan „Fundamenton de Esperanto“ kaj la „Lingvan Komitaton“. La dua kongreso (en Genève 1906) ne apartenas plu al la historio, same kiel la multegaj faktoj de tiam okazintaj, kiuj estas en la memoro de ĉiuj Esperantistoj.

L. Schefer:

*Estu preta por diri, kion vi faras; estu preta por fari, kion vi diras.*

# KRONIKA.

**FRANCIE.** Komise, již přikázán k prostudování návrh poslance L. Corneta, týkající se oficielního zavedení vyučování Esperantu ve školách francouzských, pozvala dne 5. VII. pp. de Beaufronta, předsedu fr. společnosti esp., prof. Carta, gen. Seberta, rektora Boiraca, prof. Bourleta a G. Mocha ku schůzi, na níž vyžádala si od nich podrobných informací o Esperantu. Rozmluva trvající přes dvě hodiny podala komisi mnoho zajímavých a důležitých zpráv o našem mezinárodním jazyku a jeho rozšíření. — „Centra Oficejo“ vydala právě 4. sešit sbírky „Esperanta Dokumentaro“, obsahující protokoly II. kongresu. V téže sbírce vyšlo současně druhé doplněné vydání statistiky hnutí esperantského: Societaro korektika ĝis la 31. de decembro 1906. — Světoznámý časopis francouzský „Le Matin“, který pořádá automobilový závod Peking-Paříž, vybízí oběžníkem esperantsky psaným všechny naše stoupence bydlící na této trati, aby zasílali redakci zprávy o podrobnostech závodu, které redakce přeloží z Esperanta do franštiny a uveřejní ve svém listě. — Vedle měsíčníku vydávaného klubem Esperantistů v Paříži „Paris-Esperanto“, počal vycházeti měsíčník „Tra Parizo“, orgán nově založeného spolku Esperantistů. — Přátelé humoru, Esperantisté, sdružení ve společnosti „Barĉo“ súčastní se 8—10krát ročně společné hostiny, při níž dovoleno jest mluviti pouze Esperantem. Společnosti takové jsou založeny již v několika městech francouzských a amerických. Pouze učitelé Esperanta nebo členové, mající vysvědčení o dokonalé jeho znalosti (Atesto de S. f. p. p. E.) mohou se súčastniti; výjimkou může býti pozván jeden host ku každé schůzce. Poslední společné večeři bylo přítomno na 100 osob; hostem byl Ferd. Buisson, předseda školní komise a veliký příznivec Esperanta. — Klub pařížský, rozdělený v sekce dle arrondissementů, vyučuje v kursech přes 1500 posluchačů, pořádá poučné přednášky a divadelní představení esp., výlety, schůzky s cizími Esperantisty atd. — Rada departementu Bouche du Rhône rozhodla se věnovati každoročně 150 Fr. klubu Esperantistů v Marseille. — Klub v Toulouse dostává od rady městské roční subvenci 300 Fr. — Dle rozhodnutí inspektora škol prvého stupně M. Mineta, bude počátkem příštího roku učení se Esperantu povinným ve vyšších třídách škol v Lillu. Přes 100 učitelů navštěvuje již týdenní kurs pořádaný M. Durieuxem ve fysikálním ústavu. — Na přípravné schůzi učitelů tance v Paříži bylo Esperanto jednohlasně přijato za oficielní jazyk kongresu choreografického, který bude se konati za rok v Barceloně. — Správní rada vyšší obchodní školy v Lyoně uspořádala řadu přednášek o Esperantu; rovněž ve spolku francouzských žen, v klubu farmaceutů (záložníků pozemního vojska) a ve mnoha

